# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Majo 2004 MENSUEL/MONATA 75-a jaro, n-ro 5 (1187)

*Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem*

ISSN 1163.0442 5 €

**http://www.sat-esperanto.org/ *** retadreso: satesper@noos.fr**

## Sennacieca Revuo

Serge Sire
Djemil Kessous
Nikolao Gudskov
Tatjana Auderskaja
Rubén Feldman González
Kep Enderby
Ulrich Lins
Boris Kolker
Tetu Makino
Cez

**SENNACIECA REVUO** ESTAS ELDONO DE **SAT**
67, AV. GAMBETTA, FR - 75020 PARIS
SUPPLEMENT AU NR 5 MAI 2004 (1187) DE SENNACIULO

***Sennacieca Revuo 2004 - suplemento de tiu ĉi numero!***

# *1-a de Majo*

## *Internacia tago de Laboristaj Luktoj*



**SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI**

## El la redaktejo...



*Karaj,*
*Tiu ĉi numero de Sennaciulo alportas al vi miajn bondezirojn okaze de la Internacia tago de laboristaj luktoj -* ***"1-a de Majo"****. Ĝi estas akompanata de "Sennacieca Revuo 2004". Mi esperas ke en la du presorganoj de SAT vi trovos multe da interesaj artikoloj kaj multe da plezuro en legado.*
*Kiel vi scias, pro ne tre komforta financa situacio, ni ne sukcesis eldoni la paperan SAT-Adresaron, sed ni aperigis en la reto daŭre aktualan kaj ĝisdatigatan version de tiu Adresaro. Ĝi estas rezervata nur al niaj membroj (bonvolu legi ĉi apude), kaj do ne hezitu kontakti la SAT-sidejon por havi la necesajn enirkodojn.*
*Belan sunan kaj floran printempon deziras al vi ĉiuj, via*

*Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo: 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
Retadreso: satesper@noos.fr.
TTT-paĝoj:
http://www.sat-esperanto.org
Oficejo malfermita: lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo: 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta Komitato - P. Lévy, G. Rollin kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo: adreso de la redaktejo.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
*
Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, FR-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication: Jacques SCHRAM
Abonnement annuel/jara abono France 55, Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.
Commission Paritaire n° AS-74399
Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.

# *Reeldono de Nova PIV*
## *korektita kaj ĝisdatigita*

*La unua eldono de Nova PIV post iom da tempo elĉerpiĝos kaj ni estos devigataj reeldoni ĝin. Intertempe estas korektitaj eraroj el la unua eldono kaj la nova eldono aperos korektita kaj ĝisdatigita. Bedaŭrinde, por tiu nova eldono, nia Asocio ne disponas pri sufiĉe da mono. Pro tio ni decidis malfermi*

## ***FONDUSON***
## ***por reeldono de Nova PIV***

*Ni invitas SAT-anojn kaj ĉiujn esperantistojn kontribui al tiu fonduso kaj tiel ebligi la reeldonon de PIV. Pro nesufiĉa nombro de niaj membroj el kiuj eĉ granda parto pagas nur simbolan kotizon, la vendo de PIV grave helpas al la financa ekvilibro de nia asocio kaj ĝia normala funkciado. Esperante vian komprenemon kaj malavaran partoprenon en tiu nia entrepreno, ni anticipe dankas al ĉiuj.*

*La P.K. de SAT*

### *SAT-ADRESARO EN LA RETO NUR POR MEMBROJ*

Ĵus aperis ĝisdatigita SAT-adresaro sur la TTT-paĝoj de SAT. Ĝi estas konsultebla nur por la SAT-membroj. Por atingi ĝin de la SAT-hejmpaĝo oni devas kliki sur la butonon ""NUR MEMBROJ" kaj necesas koni la enirnomon kaj pasvorton. Krome ni protektis ĝin kontraŭ la uzo de serĉprogramoj. Ĉiuj SAT-membroj kiuj posedas retaliron povas peti de la SAT-oficejo tiujn du kodojn. Kaze de la demando, ĉiu bonvolu indiki sian SAT-numeron, kiu pruvas lian-ŝian membrecon. Viajn demandojn vi povas sendi per la retpoŝto al adreso : <satesper@noos.fr>, aŭ per ordinara poŝto. Se vi trovas erarojn aŭ deziras fari ŝanĝojn en viaj adresoj, nepre informu la Centron. Tiu ĉi adresaro estas deklarita en Francio ĉe CNIL (Nacia Centro por Informadiko kaj Libereco) kiu protektas la identecojn de individuoj, homajn rajtojn, privatan vivon kaj liberecon. Tiu ĉi adresaro estas ĉiutage ĝisdatigata.

*La PK de SAT*

ATENTIGO AL NIAJ KUNLABORANTOJ

Ni petas ĉiujn niajn kunlaborantojn sendi al ni siajn tekstojn ĉu per la reto en la formato de teksto aŭ sur la disketoj en la formatoj de Word, Apple (Claris)Works, aŭ prefere en la formato RTF. Bonvolu nepre tajpi viajn tekstojn per la sistemo x (cx = ĉ, sx=ŝ ktp) ĉar tio ebligas al ni facile transformi la tekston en normalan Esperanton. Se vi sendas tekstojn surpapere, vi tajpu ilin normale. Dankon. La Redakcio

Louis Paul Boon

# UNUA DE MAJO

Nun mi devas skribi per mia plej bela plumo, mia somera plumo, mia dimanĉa plumo. Ornami ĝin per ruĝa bendeto, kaj trempi ĝin en inkon per kiu skribiĝas nur vortoj de gajo, de suno kaj feliĉo, de libereco kaj gajanimeco.

Bedaŭrinde, tiu estas plumo al kiu mi ne kutimas. Mi skribas per ĝi kiel mi poste ankaŭ kunmarŝos en la procesio: iomete fremda, iomete perdita en la festĝojo.

Pardonu min. Granda ĝojo kaj granda feliĉo ĉiam igas min iom silentema. Mi pinĉas la brakon por scii ĉu mi ne sonĝas. Mi vidas tiom da flagoj en la manifestacio kaj mi scias ke estas mia propra flago: la flago kiun mi sole ĉiam portas en mia koro, tagon post tago.

Mi tiam spertas denove, la Unuan de majo, ke mi ne estas sola, ke mi ne tutsola batalis por havi iom da vivoĝojo, por iom da justeco inter ni, por pli bela dometo, kaj afabla edzino kiu ne estas elĉerpita de tro da laboro.

Tio emocias min. Ne ĉio estas vana, mi silente ekpensas, profunde en mia koro. Centoj, miloj, milionoj tra la tuta mondo, pensas kiel mi, portas tiun saman flagon en la koro. Kaj la Unuan de majo, la plej bela tago de la jaro, ili venas eksteren kun tiu flago kaj marŝas en procesioj, ĉie, en Parizo, en Moskvo kaj en Londono, kaj en mia propra vilaĝeto Waaiendijk.

Ĉie estas homoj, kiuj pensas same kiel mi, kiuj same kiel mi rikoltas la fruktojn de tio, kion niaj gepatroj



efektivigis: la 8 horan tagon, la 5 tagan semajnon, la pagatajn feriojn. Kaj tio estas nur kelkaj videblaj aferoj, kelkaj konkretaĵoj.

Ĉar la resto estas multe pli. La libereco skribi kion mi pensas, la rajto esti kiu mi estas, kaj povi rigardi al reĝo, imperiestro aŭ papo kun la manoj en la pantalonpoŝoj. Ne devi depreni mian ĉapeton kiam mi ne emas fari tion, ne devi surgenuiĝi kaj petegi por panpeco aŭ loketo en la ĉielo.

Ni ne plu devas petegi, ni mem akiris ĉion.

Pro tio miloj kaj miloj marŝas unu apud alia, sub ruĝa flago de la Unua de majo. Mi fakte devus jubili, mi scias, sed mi tro emociiĝas kaj mi silentas: pro respekto al mi mem. Morgaŭ, postmorgaŭ mia flageto kuŝos denove kunfaldita, profunde en la poŝeto de mia koro, sed hodiaŭ ĝi estas malfaldita kaj flirtas, ruĝa, ruĝa, ruĝa, en la tuta mondo.

*Tradukis Jakvo*

# SAT KAJ LEA - ĈU SAMAS ?

Mi ne scias ĉu la fakto ke la sidejo de SAT situas en Francio kaj ke la nomo de la franclingva LEA havas nomon kiu komplete entenas SAT-vorton : "SAT-Amikaro ", sed multaj francaj esperantistoj (eĉ anoj de SAT kaj/aŭ de SAT-Amikaro) foje konfuzas.

Tio havas konsekvencon kaj kelkfoje instigas al tiklaj debatoj eĉ disputoj. Pro tio mi opiniis verki tiun artikoleton por atentigi pri la diferenco de tiuj du instancoj kiuj almenaŭ en Francio estas du jure malsamaj asocioj kun malsamaj statutoj.

La LEA (SAT-Amikaro) propagandas, instruas Esperanton kaj instigas siajn membrojn SAT-aniĝi por uzi internacie la lingvon cele al interŝanĝo, agado inter la homoj.

SAT vivas kiel ĉiu asocio pere de la kotizoj (donacoj), abonoj, profito sur la vendo de libroj. Ĝi havas salajrulon kaj bonvolulojn por zorgi pri la gazeto, la vendoj, la fakturoj, la kontoj... Sed kiel ĉiuj scias, la enspezoj apenaŭ sufiĉas por kovri la kutimajn elspezojn. Tio faras ke ne eblas eldonoj kiujn devus fari kultura asocio kiel SAT.

Do plie, se francoj petas ke SAT agu en certaj ekspozicioj kaj diversaj pagendaj eventoj, mi devas diri ke ili konfuzas inter SAT kaj LEA (SAT-Amikaro, SATEB, SATEH ktp). La PK tiam, respektante sian internaciecon, ne povas konsenti pagi (plie, ke mankas mono) en iu loko kaj ne en la aliaj, kiuj estas multnombraj en la mondo.

SAT povas ĉion fari, kompreneble en akordo kun la celoj de SAT-statuto, sed en ĉiu lando SAT estas la SAT-anaro, ne la PK, kaj en la SAT-anaro estas la LEA. Ĉu ne ?

Mi ŝatus scii, ĉu sama konfuzo ekzistas en la aliaj landoj kie ekzistas LEA? Ĉu estas grava diferenco inter la nombro de membroj de la LEA kaj ties membroj, kiuj ankaŭ aliĝas al SAT ?

*Tereza*

***AKTIVU EN SAT !***

***VARBU NOVAJN MEMBROJN POR PLIFORTIGI NIAN ASOCION***

*EMMA*
*In-fako de SAT*

# Hejmaj perfortoj en Francio

Post propono de Donjo starigi « Inan Grupon » en SAT, oni priparolis tiun kreon en la reta SAT-diskutejo. Iu viro miris kaj skribis, kial ne krei viran grupon ĉar viroj foje pli suferas (ekzemple, la infanoj estas pli ofte lasitaj al la patrinoj okaze de divorco).

Mi foje aŭskultis, spektis, legis raportojn pri la suferado de virinoj batitaj, ofte de siaj edzoj. El malnova longdaŭra televidelsendo en 2000, kies TTTpaĝoj ankoraŭ kuŝas en la reto, mi eltiras informojn tiutemajn.

« Preciza ciferado, de perfortoj kontraŭ virinoj. malfacilas. Sub tiu nocio estas diversaj realecoj : seksperforto, incesto, gea perforto, seksturmentado… Plie, multaj el la viktimoj ne plendas pro diversaj kialoj (timo, premo de la proksimuloj, ne kono de la proceduro, timo ke iliaj infanoj estu al ili forprenitaj).

Same, ĉiuj asocioj akordiĝas por diri ke en Francio (60 185 831 enloĝantoj en 1999) pli ol 2 milionoj da virinoj estas batitaj de siaj edzoj (1 el 7). Nur 4% de la viroj suferas saman perforton. Kondamnoj pro intencaj perfortoj inter geedzoj aŭ gekunuloj estis 4677 en 1996. Plialtiĝis sesfoje inter 1994 kaj 1996 pro nova konsidero laŭ la Puna Kodo.

Koncerne la geedzaj perfortoj la plendoj en 1995 estis ĉirkaŭ 17 000 (ekster Parizo) kaj 80% de ili estas nuligitaj de la viktimoj aŭ klasitaj sen juĝo en la kelkaj sekvantaj tagoj. 80 % de la hejmaj perfortoj estas geedzaj. La unua vera enketo tiutema okazis, pere de telefonalvokoj al 7000 virinoj. La rezultojn uzis en 2001 la priperforta Konferenco.»

Estas pluraj TTTpaĝoj en la reto kiuj proponas helpon, informojn al tiuj virinoj kiuj suferas pro tiaj perfortoj. Informojn pri la leĝoj por sin protekti, pri ebleco ricevi edukadon por havi metion kiu ebligas al la virinoj esti pli liberaj.

Pri tio, mi multe lernis de mia lasta posteno kiu estis instruado al plenkreskuloj. Multaj el miaj lernantoj estis inaj kiuj travivis gravajn situaciojn kaj foje pro perforto. Multaj el la aliaj estis ĉu eksedziniĝintaj ĉu vidvaj, plej ofte kun infanoj por varti kaj nutri.

Francio estas lando sufiĉe riĉa, kompare al certaj aliaj. Tamen bedaŭrinde en ĝi ekzistas maljusteco kaj sufero. Progresoj estas faritaj. Oni instigas la virinojn plendi kaj nun pro tiuj agadoj (informoj, elsendoj, asocioj) iliaj plendoj estas pli konsiderataj. Kio okazas en viaj landoj ?

*Tereza*

# Islamaninoj en "Burka"

Iuj islamaninoj kovras sian tutan korpon per kovrilo "Burka". Mia japana amikino prove vestis sin per "Burka". Por ŝi estis iom malfacile vidi kaj aŭdi, ĉar kaj la okuloj kaj la oreloj estis tute kovritaj. Mi bezonas okulvitrojn, kaj la oreloj malfacile aŭdas pro kronika orelito. Se mi estus islamanino, mi estus malfeliĉa esti mallibera en malpraktika "Burka" por mi.





Mia irana amikino diras, ke vesti sin per "Burka" valorigas virinojn, ĉar kaŝi ĉion pli allogas virojn. Mi demandis, ĉu allogi virojn eĉ en malkomforta vestaĵo ne signifas, ke virinoj estu posedaĵoj de viroj. Ŝi rebatis, ke islamaninoj ne estas sklavinoj de islamanoj, tamen ne montri sin antaŭ viroj estas kultura kutimo.

Aliaj diras, ke sen "Burka" virinoj estas en danĝero, ĉar viroj respektas moralajn virinojn kun "Burka", kaj malrespektas malmoralajn virinojn sen "Burka". Sen "Burka" signifas kvazaŭ "nuda".

Mi starigis novan demandon al ŝi: en la mondo ekzistas ne nur viroj kaj virinoj, sed ankaŭ la aliaj, kiuj havas inan korpon kun vira koro, inverse viran korpon kun ina koro. Ŝi diras, ke ili estas malnaturaj kaj malsanaj. Mi opinias, ke ili volas vivi laŭ "sia naturo" malgraŭ ke la mondo rigardas ilin malnaturaj.

Konate estas, ke islamanoj rajtas havi kvar edzinojn, ĉar tio devenis de praktika kialo, ke iam pro militoj mankis viroj kaj virinoj abundis. Por helpi la vivon de virinoj viroj havu plurajn edzinojn (kial ĝis kvar, mi ne scias), laŭleĝe



agnoskite. Bone, se ĉiuj estus feliĉaj, laŭ mi. Sed se inverse mankus inoj kaj abundus viroj, ĉu inoj rajtus havi kvar edzojn? Mia irana amikino respondis, ke ne, eĉ sen kialo. Ŝi estas kontraŭ poligamismo, ne politike sed private, ke ŝia edzo ne havu alia(j)n edzino(j)n krom ŝi.

*Masakato*

# Sendi trupon al Irako: trupo publikordotena aŭ rekonstruohelpa

En la 18-a de okt. 2003, registaro de S.Koreio finfine decidis aldone sendi trupon al Irako spite de fortega kontraŭo de multaj popoloj kaj civitanaj societoj, pretekste, ke Usono estas la plej granda alianco, kiu sendis trupojn dum interkorea milito en 1950 kaj garnizonadas ĝis nun en S.Koreio.

S.Koreio estas komprenebIe multe helpata de Usono en multaj partoj kaj oni ne neas tion, kvankam tio ne estis senpaga. Sed, ĉi-foja invado al Irako entenas neniom da justeco krom Usona ambicio kontroli grandan petrolan kapitalon kaj fortigi politikan kontroladon en mezoriento, ĉu ne ?

Neniaj pruvoj estas malkovritaj, pri kiuj Bush insistis ekinvadante Irakon. Depost la unuanima rezolucio de sekurec-garantia direkcio de UN, neniuj landoj deklaris sendi trupon krom Japanio kaj S.Koreio. Jam landoj promesintaj sendi trupojn al Irako nun eĉ nuligas siajn promesojn pro kelkaj kialoj.

Prezidenton No Muhjon, kiu kiel advokato por laboristoj faris senpagan pledadon antaŭ sia elekto, korea popolo elektis kiel ŝtatestron anticipante, ke li faru el Koreio la ŝtaton memstaran kaj sendependan de potencoj, precipe de Usono, kiuj havas gravan profit-koncernojn en korea duoninsulo.

Antaŭ sia prezidentiĝo, No Muhjon ofte faris paroladon en kaj ekster parlamento kiuj implicis sendependiĝon de Usono kaj fakte ankaŭ Usono esprimis siajn opiniojn kontraŭantan S-ro No al koreaj potenchavantoj kaj popoloj diversmaniere. Kompreneble, koreaj dekstruloj (ili posedas plejparton da riĉo en S.Koreio kaj plejpartoj el ili donas absolutan subtenon al Usono preskaŭ en ĉiaj okazoj. Ne malmultaj el ili eĉ unue konsideras usonan profiton pli ol la koreajn,) kaj konservuloj malamas lin de antaŭe ĝis nun, sed pere de subteno de ordinaruloj kaj civitanaj societoj li elektiĝis prezidento.

Post unu jaro de lia prezidentiĝo, koreaj popoloj ne povis trovi memstarecon kaj sendependiĝon en siaj diplomatiaj politikoj sed nur povas trovi unu el tri pudeloj de usona ĉimpanzo.

Korea registaro publikigis, ke ĝi en venonta marto sendos trupon al Irako por helpi rekonstruadon de Irako. Kial ili ne sendas homojn kiuj speciale laboras por konstruado, kuracado ktp, se ili vere volas helpi rekonstruadon de Irako, ĉar la bazaj celo kaj taskoj de soldatoj estas batalo, sed ne rekonstruado.

Kompreneble, post la publiko de ĉi tiu informo de korea registaro, senĉese okazas manifestacioj kontraŭ la decido. Sed ĉi-tian batalon povus gajni ne nur la batalo de korea popolo sed ankaŭ manenmana batalo de tutmondaj pacamaj fortoj, ĉu ne ?

Homoj pacamaj, ni kune batalu !!!

*Choi Manwon*

# PORPACAJ MANIFESTACIOJ

## MANIFESTACIO EN BERNO (CH)

En Berno, ĉefurbo de svisio partoprenis ĉ. 3000 manifestantoj inter ili almenaŭ tri esperantistoj. Unu k-do kaj s-ano apartenas al la rekonstruo komunista (itala partio). Matene mi partoprenis ĝeneralan kunvenon de porpaca organizo "svisio sen armeo". Faris paroladon deputito de svisa parlamento el la partio socialista alternativo. Vespere aŭskulteblas per t.v.novajo, ke Germanio sendis soldatojn por "paca misio" al Kosovo!

*Senatano de la ruĝa frakcio ene de E-civito, D.Rooke*

## MANIFESTACIO EN METZ (FR)

Sabate, en Metz Francio partoprenis en manifestacio 200 personoj el kiuj almenaŭ unu esperantisto, okaze de la datreveno de invado kaj milito kontraŭ Irako. Junuloj partoprenis, Sindikatoj: CGT, SUD, CNT, komunista partio PCF, Verduloj, Amnestio Internacia, Laborista Partio PT, Revolucia Komunista Ligo LCR, Laborista Ligo LO, Movado kontraŭ la rasismo MRAP...En la tuta mondo okazis tiuj manifestacioj kaj kelkaj estis gigantaj kiel en Romo.

Pasintjare antaŭ la komenco de invado en Irako milionoj da homoj, ankaŭ esperantistoj, manifestaciis en la mondo kontraŭ tiu milito kaj por la paco. Nun neniu problemo estas solvita en Irako per la Usona armeo. Nur oni humiligas la Irakan popolon kaj okazas murdoj kaj terorismo ankaŭ en Hispanio.

*Bruno HENRY*

## MANIFESTACIO EN MOSKVO (RU)

Hieraŭ en Moskvo, en la kontraŭmilita manifestacio, dediĉita al la datreveno de la komenco de usona invado en Irako, partoprenis ankaŭ kelkaj esperantistoj. La manifestacio, organizita de junularaj maldekstraj organizoj, ne estis tre granda (ĉ. 300 homoj), kaj estis dediĉita ne nur kontraŭ milito en Irako, sed ankaŭ (eble eĉ unuavice) kontraŭ milito en Ĉeĉenio, kaj ne tiom kontraŭ Bush kiom kontraŭ Putin. Tamen, malgraŭ malgranda kvanto da partoprenantoj, la okazigo mem de tia manifestacio kaj partopreno en ĝi de plejparte junaj homoj estas elstara fakto, konsiderante ĝeneralan politikan pasivecon kaj senreviĝon de la rusia loĝantaro dum lastaj jaroj.

*Nikolao Gudskov*

*Sendu interesajn informojn al la redakcio! Ne forgesu ilustrojn laŭeble!*

# PROPONO AL LA KONGRESO

Mi proponas ke en la venonta Kongreso de SAT, estu debatita la modifo en la SAT-Statuto kaj Regularo, paĝo numero 6, ĉapitro Ĝenerala Konsilantaro, paragrafo numero 15, kiu en sia komenco diras: **La Ĝ.K.-aro konsistas el...**, estu ŝanĝita al : **La Ĝ.K.-aro konsistas el SAT-membroj el.....** Sen alia ŝanĝo en la cetero.

La propono celas eviti ke nemembroj de SAT rajtu kontroli la agadon de la P.K., kiel nun povas okazi, ĉar la reprezentanto de la LEA en la Ĝ.K. povas esti nemembro de SAT. La LEA-oj konsistas el membroj kaj nemembroj de SAT.

Marteno Bustin

**ĜENERALA KONSILANTARO**

15. La Ĝ.K. Konsistas **el SAT-membroj** el: A) unu membro kaj unu anstataŭanto el ĉiu geografia sektoro, elektata per referendumo samtempe kun la P.K. B) Konflikt-Komisiono. C) unu reprezentanto de la membraro el la urbo en kiu sidas la P.K. Ĉ) unu reprezentanto de ĉiu LEA, konvencie ligita kun SAT. D) unu membro de ĉiu fako (Administracio, Literatura Sekcio, ktp) funkcianta ekster la sideja urbo de SAT. La sekretario de la K.K. estas ankaŭ sekretario de la Ĝ.K.-aro kaj funkciigas tiun organon. Ĉiu konsilanto estas elektata de la tuta anaro.

16. La Ĝ.K.-aro helpas al P.K. per siaj informoj kaj konsiloj. Ĝi plie observas kaj kontrolas la agadon de la P.K. Se la Ĝ.K. -aro rimarkas, ke tiu agado ne estas honesta kaj laŭstatuta, ĝi rajtas konigi siajn konstatojn al la tuta membraro per la presorgano. La Ĝ.K.-aro prezentas raporton antaŭ ĉiu Kongreso. Ĝi rajtas demandi al la P.K. Pri ĉiuj aferoj kaj postuli respondon.

# NOVAĴOJ EL POLLANDO

Pollando estas, laŭ eklezia aserto, 90 % katolika. Eble formale, sed praktike la nombro ne estas tiel alta. Katolika klerikaro en Pollando havas fortan pozicion. Eĉ laŭnome socialista registaro fariĝis praktike liberala, servopreta por katolika pastraro. Estas ankaŭ aliaj




*Ankoraŭ antaŭnelonge tio ne estis imagebla en la lando de Papo Johano-Paŭlo la Dua - manifestacio de antiklerikara Asocio "Racio".*

konfesioj, naciaj kiel ortodoksaj, protestantaj, sed ili ne estas praktike egale traktataj kiel katolika. Pollando fariĝas pli kaj pli konfesia ŝtato. Tio estas danĝera por la libera konduto de la civitanoj. Sed, okazis lastatempe io eksterordinara. Ekestis antiklerikara partio "Racja" (Racio), kiu batalas por kompleta disiĝo de eklezio kaj ŝtato; por establo de vere laika ŝtato, en kiu estas loko por ĉiu homo, senkonsidere al konfesio, socia deveno, haŭtkoloro aŭ aliaj preferoj. Ĝi estas evento. En ŝtato katolika, preskaŭ konfesia, kies pola civitano Johano Paŭlo II estas papo, anstataŭanto de Dio sur tero en Vatikano, ekestis antiklerikara partio "Racja". Honto! Tial, ĝis nun, en publikaj medioj, radio, televido, gazetoj, oni pri tiu ĉi antiklerikara partio eĉ ne mencias, kvazaŭ ĝi tute ne ekzistus. La 5-an de februaro 2004 anoj de kontraŭklerikara partio protestis manifestacie en Varsovio, antaŭ ambasadejoj franca kaj germana: "Eŭropo jes! Vatikano ne! Unuigita Eŭropo laika aŭ nenia". Oni transdonis al la unuaj sekretarioj de ambasadoj leterojn, en kiuj estis postuloj pri likvido de artikolo 51 el estonta konstitucio de Unuigita Eŭropo por garantii al ĝi plenan laikecon.
Do, ni povas esperi ke danke al kontraŭklerikara partio "Racja" kaj al inteligentaj polaj civitanoj, Pollando finfine fariĝos laika ŝtato.

W.B.-33.172




## NOVA P.I.V.

Prezo :
**por Francio** 70 € + 4,64 € (afranko)
**por Eŭropo:** 70 € + 7,29 € (reg.afr.)
**ekster Eŭropo** :70 € + 10,40 € (reg. afranko).

# Lingvo kaj tranĉilo

Jen mia postulato : ĝia uzado difinas la objekton. En la kazo de tranĉilo, aŭ ĝi tranĉas « la panon de amikeco », aŭ ĝi tranĉas malamikon. Alidire, Esperanto pace arigas diversajn kaj, ofte, malsimilajn homojn por plenumi superan verkon, « la unuiĝon de la homaro » kaj samtempe ĝi povas opozicii al aliaj homoj, kies celoj estas favori pli malpli grandan grupon de similuloj, kiuj regas per daŭra disigo de la homaro.

Imagu nun, ke oni uzas la internacian lingvon kvazaŭ oni svingas tranĉilon dum lukto. Kompreneble, temas pri metaforo kiu, mi esperas, reliefigos mian diskurson kaj, iom paradokse, substrekos mian realan deziron de paco kaj mutuala konsento ĉar « la socia vivo ne estas la vivo kaj la interŝanĝo ne estas lukto. La ekzisto de la 'socia kontrakto' postulas, ke estu nek venkinto nek venkito kaj gajnoj kaj perdoj konstante ekvilibriĝu por ĉiu » skribis la etnologo P.Clastres*.

Do, por protekti kaj sekurigi la disvastigon de Esperanto, oni ĉiutage devas batali kontraŭ diversaj kaj disfaligi multajn malhelpojn ? Ni do senĉese firmigas nian sintenon rilate al niaj kontraŭuloj ? Tio supozigas ke motivoj, projektoj, opinioj animas nian amon al la internacia lingvo (disdoni la panon de amikeco). Danke al tio ni esperas malarmi nian kontraŭulon kaj rompi, ŝanĝi lian rezonadon. Ni konscias, ke Esperanto povas reprezenti rimedon, kiu kapablas se ne damaĝi, almenaŭ kadukigi alian aron. Kiam mi identigas minacon kontraŭ la lingvo kaj ties uzado, mi tuj antaŭenigas ĉiujn eblecojn por defendi ĝin kaj miajn ideojn (tranĉi la najbaron). Esperanto eventuale permesas arigi al si pliajn fortojn. Esperanto estas tiam speco de armilo. Ĉio en mia korpo, mia spirito, celas la venkon, se ne kial aktivi ? Ĉiuj artifikoj estas permesitaj. Mi vidas en mia kontraŭulo iun, kiu kapablas ĉu subpremi min kaj la aliajn, ĉu dividi miajn geamikojn, ktp. Mi bezonas Esperanton kiel eskapon, elirejon aŭ ŝildon.

Malgraŭ tio, la afero ne estas tiel simpla, ĉar la amikeco mem estas 'lukto'.

En ĉi tiu teksto kaj en aliaj, mi provas kaj provos transdoni miajn spertojn, kaj la opiniojn, kiuj naskiĝis de ili. Ni intence uzas Esperanton ĉar mi scias, ke la movado esperantista donas al mi sufiĉe da spaco por esprimi min kaj mi scias, almenaŭ esperas, ke ĝi povas rekoni sin kaj, eble, riĉigi sin per miaj intervenoj. Ni formus blokon. Ni estas ne neglektebla potenco. Kiel do pensi, ke ni estas « neŭtralaj » ? Ja, ni volas aŭskulti ĉiujn, helpi ĉiujn, instrui la lingvon al la plimulto. Sed ĉu ni ne faras tion por pli bone kunporti la aliajn en nian fluon ? Ni vole nevole esperas plivastigi la movadon kaj ĝian influon. Ĉu ni ankoraŭ povas paroli pri neŭtraleco ? Ĉu ne estas pli facile venki niajn kontraŭulojn ol ĉiam pli enteni ĉiujn sentokapablojn de la homaro en nia kulturo sen digesti ilin ? Kaj ni devas ankaŭ konscii, ke eventuala venko sur niaj malamikoj ebligus ilian asimilon ! Ni volas atingi pli altan nivelon de civilizacio. Ĉu la vero de Esperanto ne troviĝas en la kontinua superpaŝo de la konfliktoj, interne kaj ekstere ? Unuvorte, eviti la stagnadon. Luktu por ideoj per ideoj ! Senfine.

Ja, kial verki poemojn, se oni ne deziras, ke la lingvo ardigu, fascinu, envultu, transformu kaj emancipu la spiritojn ? Ni verkas por tranĉi la malklerecon kaj ekciti amikajn interŝanĝojn per la pinto de nia ilo.

Ni ankaŭ deziras, ke Esperanto estu universala kaj paca. Ĉu ni konscias pri ĉiuj konsekvencoj ? Kiu eĉ povas certigi, ke la homaro supervivos al daŭra paco ? Ĉu ni volas, ke ia neŭtraleco kontaĝu la tutan mondon ?

Kio estas neŭtrala lingvo (kaj ĝia movado) se ne, eble, « tranĉilo sen klingo, al kiu mankas tenilo ». « La lingvo de la civilizita homo fariĝas tute ekstera al li, ĉar ĝi estas por li nur rimedo por komunikado kaj informado » ankoraŭ skribas nia etnologo*.

Neniu specifa ideologio povas arogi al si la verkon de Zamenhof. Bone. Sed neŭtraleco ne povas, laŭ mi, ĉiam enhavi kaj difini tiel admirindan movadon (ankaŭ tumulta, eksternorma). Kiam mi elhejmiĝas, mi ofte kaŝas mian esperantistecon ĉar mi scias, ke ĉi tiu elekto ne estas banala kaj postulas ĉiumomentan viglecon por defendi ĝin aŭ plezure klarigi al miaj similuloj kial mi fieras aktivi. Alidire, mia tranĉilo estas perfekte akrigita!

Verdire, mi dubas, ke plimulto el la esperantistoj konscie, serene spertas la neŭtralecon de nia aventuro. Mi ne povus vekiĝi matene kaj, vidante min meze de la flamoj, reenlitiĝi.

*Cirilo Orsinger*

Liberigita de ĉiu malforto
En la ignoro de ĉiu memoro
Fronte al la tranĉaj atakoj
De viaj malamikoj
Antaŭen kaj agu !

Morihei Ueshiba

* Pierre Clastre [Pjer Klastr] : La socio kontraŭ la ŝtato

## KOREKTO DE ERARO

En la artikolo de Michel Duc Goninaz "Pri la Ĉaŭdefona kongreso", aprila Sennaciulo, p. 54, - Dum la kongreso: en la frazo:
"La malferma kunsido okazis, laŭ la rimarko de la protokolinto, « kun iom nekutima disvolviĝo » - devus esti **"Tio estas litoto"**, kaj aperis anstataŭe : «Tio estas titolo» — kio signifas nenion. Bonvolu korekti. Dankon.

La redakcio

## En Francio la sciencistoj protestas

En la diskutejo, Vinko atentigis nin pri agado de la sciencistoj en Francio : « la francaj esplorantoj fine komprenis, ke la nuna reakcia registaro intencas iom post iom malaperigi ilin je la nomo de profito. Ili cirkuligas peticion por peti:
1 La ŝtato pagu siajn ŝuldojn al la esplor-strukturoj por la jaro 2002.
2 Estu proponitaj pli multaj laborpostenoj al junaj esploristoj.
3 Estu starigita granda kolokvo, dum kiuj kompetentaj personoj rajtos serioze pridiskuti la problemon. Tempo mankas al mi nun por detale priskribi la situacion, sed se la temo interesas vin, kaj se vi regas la francan lingvon, mi invitas vin viziti la jenan TTT-ejon:http://recherche-en-danger.apinc.org/ kaj subskribi la peticion, kaj eventuale transdoni la informon al aliaj interesatoj (ankaŭ ne-studantoj kaj neesploristoj rajtas subskribi).

Mi iris kaj legis, jen la teksto tradukita de la diversaj paragrafoj :

### Ni savu la sciencan esploron

Malferma letero al la registaro (januaro 2004)

Peticio proponita al ĉiuj serĉlaboristoj. Ĝi estas urĝa pro graveco
de la situacio. La subskribantoj kies posteno estas administre respondeca forlasos tiujn respondecojn se la registaro ne plibonigas la situacion.
Je komenco de la 21a jarcento, Francio bezonas viglan sciencan esploron. (ekonomia disvolviĝo, kultura disradiado).
Kredi ke sufiĉas limigi la esploradon je kelkaj prioritataj celoj por la socio, direktas al subevoluiga logiko. La konkretaj serĉoj ne devas anstataŭi la fundamentajn. Tiuj lastaj postulas ŝtatan buĝeton, la privataj nur suplementas. Plie, tiu forlaso de la ŝtato perdigas ankaŭ certajn sciencistojn, kiuj forfuĝas al Usono, kie la publika estas ĉefa kaj altiras kaj vigligas la privatan.
La prelegoj asertas ke estas prioritato sed konkrete la ŝtato fermas multajn sektorojn. Finance ili estas mortigitaj.(malalto, malapero aŭ prokrasto de la subvencioj) kaj malaltigo de dungado de serĉistoj (95 en 2002, 30 en 2004), kiam multaj emeritiĝas. Malfruos poste kiam la junuloj jam elmigrintos.
Plie la organizado de scienca politiko kiu koncentriĝas je la nivelo de la ministero kaj la distribuo de la buĝetoj cirkvitoj estas ne antaŭpripensitaj tute maltaŭgas.

*Tereza*

## VIAJ OPINIOJ

DEMANDOJ, DEMANDOJ....

Kun tre granda intereso mi legis la aprilan numeron de S-ulo, precipe la paĝojn 52 ĝis 54. Pri tiuj tekstoj mi starigas jenajn demandojn:

Kiu estas la dato de la skribaĵo de Marteno? Kiu estas la dato de la letero de Michel Duc Goninaz? Al kiu estas senditaj tiuj tekstoj, ĉu al la redakcio de S-ulo, ĉu al iu persono? Kiu estas la dato de la t.n. decido de la P.K. - menciita de la prezidanto de la P.K. - en kiu "ni decidis fine aperigi la tekston"? Kiom longe daŭris "pluraj retaj mesaĝoj inter Marteno, Kreŝo kaj mi"? Kial K. Barkoviĉ estis "kontraŭ la aperigo de la teksto de Marteno"? (p.53). Ĉu ankoraŭ ĉiam validas iuspeca cenzuro? Kial dum la 76-a SAT-Kongreso neniu korektis la esprimon pri "prezidanto de SAT". (Kiel konate, SAT ne havas prezidanton, sed prezidanton de la P.K.. Tion devas scii kaj apliki "k-do" Walter Zelazny.) Kion signifas, ke la repagoj de la OKK al kelkaj gekamaradoj "estas intertempe faritaj aŭ farataj? Kiam tio precize okazis? Kiam - finfine - simplaj membroj ekscios (almenaŭ koncize) la temojn kaj rezultojn de la P.K.?

La kontribuaĵo de Michel Duc Goninaz enhavas plurajn tre gravajn demandojn. Kiam ni, simplaj membroj de SAT, ricevos respondojn?

Estas ankoraŭ pluraj tre gravaj demandoj. Ĉu ekzistos - inda - ebleco trakti tiujn temojn dum la 77-a SAT-Kongreso?

Nora Caragea

KUNLABORU EN SENNACIULO !
LIBERE ESPRIMU VIN !




*Ĉu vi iam vidis nian Majstron sur la ĉevalo? Aĉetu kaj legu la lastan numeron de "La Sago" - organo de SAT-Amikaro. Tie nia fiera rajdanto bonvenigas vin al Vandeo kie okazis 59-a Kongreso de nia fratorganizo.*

## NEKROLOGO

En Tours (FR) mortis la 20-an de februaro nia malnova membro, kamarado

**Louis PANNIER**
**(matrikulo 25.123)**

Niaj pensoj iras al la tuta familio kaj aparte al la edzino, nia kamaradino Hendrika.

*****

"La 1-an de Februaro 84-jara mortis en Tel-Aviv (IL) pro korinfarkto nia kamarado

**Josef MURĴAN**
**(matr. 35140).**

Multjara e-aktivulo: ekde 1937 en Bjalistoko kaj Vroclavo (PL), inter kiuj dum la 2-a mondmilito li kaŝe instruadis E-on en Sovetio, kaj ekde 1957 li daŭrigis sian agadon en Izraelio, redaktante ties unuan E- bultenon, gvidante kursojn, sed precipe kompilante vortarojn E-hebreajn kaj eldonigante ilin kaj plurajn aliajn librojn.
Ni kondolencas la familianojn kaj geamikojn.

LE MONDE diplomatique en ESPERANTO
http://eo.mondediplo.com/

# Venka vespero

de Pjer KALFON

## Mi memoras la elekton de Salvador Allende.

La ĝojan frenezon, kiu iom post iom konkeris la homamason. La ridojn kaj brakumojn surstrate kun nekonatoj, kiuj ne plu estis nekonatoj, ĉar ankaŭ ili ĝojis.

Tiun 4-an de septembro de 1970, Santiago forlasadis la vintron; eknoktiĝis. Oni daŭre atendis la rezultojn de tiu tiel disputita prezidenta elektado. Tro daŭre sendube por la ekscitita senpacienco de tiuj, kiuj ankoraŭ karesis esperon de venko de la maldekstro kaj tremis pro emo eliri krii sian ĝojon surstrate.

En la komenco, maltrankviliga rumoro disvastiĝis. El la tri kandidatoj, la dekstra venkantis. Ĵus, partianoj de Jorge Alessandri subeniradis el la belaj kvartaloj en la urbocentron svingante, mokeme, ĉiliajn flagojn je la pordoj de la veturiloj, meze de hupa koncerto. Kaj tuj la rumoro malŝveliĝis, la prognozoj baskulis. La hupantoj, malpli vantaj, suprenrevenis en siajn riĉajn loĝejojn piede de la Kordilero. Oni ankoraŭ atendis. Kaj subite, estis kvazaŭ hulo. Allende iris ĉe-kape ! Allende, subtenata de la koalicio de la Popola Unuiĝo. Socialistoj, komunistoj, radikaluloj, maldekstraj kristanoj unuiĝis kontraŭ dividita dekstro. Ĉi-foje, jen estis ja la venko. Oni ankoraŭ dubis, preskaŭ nekredante. Tamen, la ciferoj paroladis. Eble temis nur pri martempesto, sed kiu zorgis ? Je pli ol 36% de la balotoj, la maldekstra kandidato klare preterpasadis la maljunan konservativulon Radomiron Tomicon. Sendube, Allende havis la plej bonan rezulton. La ĉiama venkito en la prezidantaj elektadoj, tiu kiu, post tri fiaskoj, sarkasme ironiis pri la epitafo, kiu memorigos lin post lia morto : "Allende, kandidato al Prezidento", jen li, nun mensogigante la Kasandrojn.

Oni kriadis, oni saltadis – el que no salta es momio (kiu ne saltas estas reakciulo), oni reciproke brakumadis por certigi, ke oni ne revis. Ho ! Kiel mirinda estis tiu lando, kaj kiel mirindaj estis tiuj ĉilianoj, ĝismedole politikiĝintaj.

Jam noktiĝis je septembra humida malvarmo. Sed kiu zorgis ? El la malriĉaj suburboj de la ĉefurba sudo kaj okcidento homamasoj fluis ĝis la Alamedo, la reĝa vojo de Santiago, vestitaj per koloraj lanvestoj, ŝaloj kaj ponĉoj. Virinoj, viglavangaj kaj grandokulaj infanoj, viroj sekaj kaj fortaj, malhelvizaĝaj, nigrapendhararaj. Festa etoso emanis el tiu homamaso, paca kaj radianta. Kompensante la palan publikan lumigadon, kaj por varmigo, ĝojesprimaj fajroj diversloke traboradis la brumon. Buŝalbuŝen disvastiĝadis la novaĵo : Allende estis parolonta.

Per totala improvizado, amatora sonekipaĵo estis instalita en la unua etaĝo de la domo de la Ĉilia Studenta Federacio, FECH, situinta en la urbokerno, fronte al la monto Santa Lucia, vojkruciĝo de ĉiuj amoraj renkontiĝoj. Finfine, per portebla laŭtparolilo, Allende alparolis la homamason per evidente improvizita diskurso. Transportita de la neesprimebla plezuro scii, ke li ĵus venkis batalon, komencitan antaŭ tridek jaroj, tiu 62-jara kuracisto trovis la ĝustajn vortojn por saluti la popolan venkon, danki siajn apogantojn, kuraĝigi la aliajn kuniĝi al la batalo por pli bona sociala justeco. Spite al venontaj baraĵoj, Ĉilio – diris li – estis ŝanĝonta sian bazon. Kaj ĉiuj komprenis ke "se iba a dar la vuelta a la tortilla" (la omleto estis renversota), kaj ke la forlasitoj de la ekonomia prospero iom post iom ekĝuos la nacian festenon. "Dulce Patria..." Oni kantadis la nacian himnon, oni ĝojegis, kaj meze de la tiumomenta ĝojo ŝprucis la klasika ordinareco de la Ĉilio de la feliĉaj homoj : "¡Viva Chile, mierda !" [1]



Pjer KALFON

Ĵurnalisto, verkisto, diplomato, Pier Kalfon estis korespondanto de "Le Monde" en Ĉilio de 1969 ĝis 1973, kiam li estis forpelita de la Junto. Ĉi tiuj du tekstoj estas ekstraktoj el "La Verda Inko de Pablo Neruda", publikigota en eldonejo "Terre de Brume", septembre 2003.

**Tradukita de:**
Pedro A. Hernández
**el la franca**

[1] Kiu el tiu tempo ne memoras la kanton (en Eŭropo ofte kantata de Quilapayún), kiu restis en la memoro de multaj kiel la himno de la popola unueco ? Ĝi legeblas en Esperanto sub jena retadreso. http://satenhispanio.eresmas.com/janivenkos.htm

# SAT Kulturpaĝo



redaktanto Cezar

**Karaj geamikoj,**

mi havas en mia libroregalo kajeron kun romantikaj poemoj, kaj ĉiufoje, kiam mi elprenas ĝin denove kaj deklamas el ĝi al mia kara, tio signifas, ke la printempo plian fojon vere ekis. Tio estas ĉiam rava momento por ni. La bela monato majo estas nia plej kara, en ĝi mi naskiĝis, kaj en ĝi ni geedziĝis. En tiu tempo la ĉielo estas ĉiam plena de violonoj, kaj ni fakte aŭdas en la aero ĉiujn tiujn kantojn, el kiuj mi nun volas prezenti kelkajn al vi, ke vi iom kunĝuu la printempan senton en Eŭropo, kiam ne nur la floroj ekfloras ĉe ni, sed ankaŭ la amo en la koroj. Al la romantikaj poetoj, la lasta estis Heine, mi dankas ion tre gravan: mi lernis de ili, ke la vivo estas ne nur batalo, sed ankaŭ poezio, petola amo, amo al la naturo. La Rudelsburg, kie la 18-jara jurostudento Kugler verkis la romantikan tekston "Rudelsburg", estas nur unu aŭtohoron for de nia hejmo. Ni jam kelkfoje printempe vizitis ĝin.

La tekston "Migradokanto" mi promesis al la geedzoj Helen kaj Andre ĉe la bankedo en la lasta SAT-kongreso, jen ĝi do estas por vi, saluton al vi ambaŭ!

Via kulturredaktoro Cezar



Heinrich Heine

**En admirinde bela maj'**

En admirinde bela maj',
dum jam burĝonoj krevis,
jen ankaŭ miakore
la amo sin eklevis.

En admirinde bela maj',
dum birdotril' senbridis,
jen mi al ŝi sopirojn,
dezirojn, ekkonfidis.

tradukis Cezar

---

**RUDELSBURG'**
**romantika kanto**

Ĉe la hela strand' de l' Saale[1]
tronas burgoj en fier',
sen tegmentoj post disfaloj.
Vent' balaas tra la haloj.
Nuboj flugas en aer'.

Kavaliroj ne plu vivas,
jam ne sonas glav' kaj kant'.
Sed aperas ja personoj
sur la muskeverdaj ŝtonoj,
ofte lindaj, al migrant'.

Supre vokas lin okuloj,
ruĝaj buŝoj, kun favor'.
La migrinto sub la beloj
vidas al okulaj steloj.
Gaje batas lia kor'.

La migranto nun foriras
kun ridet' kaj palpebrum',
adiaŭas sin per kantoj.
Ĝisrevidas surturantoj.
Tukoj flirtas en la lum'.

verkis Franz Kugler (1826)

*tradukis Cezar*

rim.: la Saale (prononcu: Zale) estas rivero.

W. Müller

**Migradokanto de muelisto**

Kun ĝojo migras muelist',
Kun ĝojo migras muelist', li
migras.
Ne estus bona muelist',
se li ne migrus kun persist',
se li ne migrus kun persist', ne
migrus,
migrus, ne migrus, ne migrus.
ne migrus, ne migrus, ne migrus.

De l' akvo venas la instru',
de l' akvo venas la instru', de l'
akvo.
Ĝi migras en ĉiama flu',
ĝi migras en ĉiama flu', la akvo,
akvo, la akvo, la ...

Ni vidas ĝin je ĉiu rad'
ni vidas ĝin je ĉiu rad', je rado.
Ĝi turnas sin sen iu halt',
senlace klakas sen ekzalt', la
rado,
rado, la rado, la ...

La ŝtonoj eĉ kun sia pez',
la ŝtonoj eĉ kun sia pez', la
ŝtonoj,
kundancas en la vigla vic',
ruliĝas ĝoje kun delic', la ŝtonoj,
ŝtonoj, la ŝtonoj, la ...

Mi migras gaje sur la voj',
migrado estas mia ĝoj', mi
migras.
Gemastroj, mi nun devas for.
Retenu min en via kor', mi
migras,
migras, mi migras, mi ...

*tradukis Cezar*

## La birdonupto

La nupton festas birdoparo
meze de l' arbaro.
Refr: Fidirallala, fidirallala,
fidiralla-lala-la.

La gufo estas la fianĉ',
la strig' la fianĉin'.

Parigis la paruo,
ŝin svatis al la duo.

Ridetas cikonio
aludas ja pri io.

Ansero, ansero,
kunblekis kun fiero.

Kardelo, kardelo,
kondukas al kapelo.

La pego, la pego,
jam frapas ĉe l' pordego.

Pastoro akcipitro
demandas de l' pupitro.

La fringoj, la fringoj
atendas kun la ringoj.

Kolibro, kolibro,
flirtegas sur l' nuptlibro.

Alaŭdo,alaŭdo,
ĝi zorgas por aplaŭdo.

Strigpanjo, strigpanjo
ploregas pro l' infanjo.

Fulmaro, fulmaro,
gratulas al la paro.

La najtingal', la najtingal'
reĝine kantas ĉe la bal'.

Kukolo, kukolo,
ĝi petas al dancsolo.

La struto, la struto,
paradas kun la fluto.

Pirolo, pirolo
vetkantas kun parvolo.
Kolombo, kolombo,
ĝi kveras en la rondo.



La kampokorv', la
kampokorv',
atendas pri muzik' de Orff.

Vesperto, vesperto,
ĝi dormas dum koncerto.

Pingveno, pingveno,
kelneras jam kun peno.

La ruĝgorĝul', la ruĝgorĝul',
gustumis tro de l' alkuhuul'.

Paseroj, paseroj,
satiĝas de l' manĝeroj.

Koturno, koturno,
donacas kun la sturno.

Hirundo, hirundo,
hezitas jam de lundo.

La pigo, la pigo,
ĝi ŝtelas de la strigo.

Papago, papago,
papagas pro la pago.

La festo, la festo,
finiĝas en la nesto.

Noktuo, noktuo
ululas por la duo.

La mevoj, la mevoj,
vojaĝas jam en revoj.

*verkis Cezar*
*melodio laŭ la popolokanto*

Georgo das Neves

## Printempo kaj amo

Printempas en naturo, printempu
en la koro...
Aŭtunas ne la amo, la amo estas
floro!

Amataj geamantoj, rigardu al
ĉielo,
aŭskultu la birdetojn kaj staru
antaŭ belo,
rigardu al la steloj, al luno, kiu
brilas,
la vento blovas milde kaj ĉio ja
trankvilas.

Ne gravas se vi vidas de ĉio
silueton,
al vi mi sendas stelojn, lunlumon
kaj kometon.
Malantaŭ ĉielarko troviĝas la
edeno,
birdetoj, kiuj trilas kaj flugas en
ĝardeno.

Printempas en naturo, printempu
en la koro...
Aŭtunas ne la amo, la amo estas
floro!

PS: Georgo, amiko kaj poeto el Brazilo, denova SAT-ano, estas unu el niaj poetoj de la dissendolistoj"SATINO" kaj "satkulturo". Li skribis la poemon je mia deziro speciale por tiu ĉi Sennaciulo.



*SPECIALA OFERTO*

# *ANTAŬA PIV*

## *je tre favora prezo*




***Por individuoj:***
***30 € inkluzive la afrankon.***

***Por libroservoj:***
***25 € nete + afranko.***

***Bonvolu mendi ĉe SAT:***
***rete: satesper@noos.fr***

**HELPO**

**En Nederlando** (€) Zwartepoorte 10,00; Klaver 25,00;

**En Francio** (€) Espanol 6,00; Treanton 5,00; Plutniak 10,00; Le Magadure 5,00; Lebec 5,00;

***JAM ESTAS MAJO !***
***ĈU VI PAGIS VIAN KOTIZON ?***

**El la SAT-sidejo**
**67 avenue Gambetta**
**FR-75020 Paris**

NOVALIĜOJ

35.669 *Borčić Lucija, Nodilova 4, HR-10000 Zagreb, Kroatio.

35.670 Candido Neto Idilio, R. Ablel Luis Ferreira 277, Jd. Do Lago E3-2, BR-13050-023 Campinas-SP, Brazilo.

35.671 Ramos Ferreira José Ferdinando, R. Femão Pompéu de Camargo 1795, Jd. Do Trevo, BR-13040-000- SP, Brazilo.

35.672 Araujo Girardi Luiz Antonio, R. Comendador Gomes, Caminho 24-A n° 08 - Feira VII, BR- CEP 44100-000 Feira de Santana-BA, Brazilo.

35.673 Vasco Milanez Jimes, R. Dr. Sérgio Almeida Prado, 158, Barão Geraldo, BR-CEP 13083-750 Campinas-SP, Brazilo.

35.674 *Vasco Milanez Molina, R. Dr. Sérgio Almeida Prado, 158, Barão Geraldo, BR-CEP 13083-750 Campinas-SP, Brazilo

35.675 *Bromuri Foa Maresa, Via T. Gulli 19, IT-20147 Milano, Italio

35.676 Montagner Andrea, Via Mambretti 29, IT-20157 Milano, Italio.

35.677 *Belluco Elvia, Via San Francesco 208, IT-35121 Padova (PD), Italio.

35.678 *Turvey Edna, 8 Terrace Falls Road, Hazelbrook, NSW 2779, Aŭstralio

35.679 *McGifford Erin, 32 Bangor Street, Avon Loop, Christchurch, Novzelando.

35.680 Špekuljak Mato, Oštarijska 8, HR-10000 Zagreb, Kroatio

35.681 Kuppermann Adrian, P.O.B. 3459, IL-61033 Tel Aviv, Israelio.

35.682 Wylleman Raymond, August Vermeylenstraat 65, BE-8400 Oostende, Belgio.

35.683 *Guihaumé Françoise, 7, Impasse Béguin, FR-72000 Le Mans, Francio.

35.684 *Diakite Drissa Flayoro, BP 2382, ML-Bamako, Malio.

35.685 Morin Jacques, 4 rue de Lourdes, FR-65400 Argeles Gazost, Francio

35.686 *Borisova Stojanova Radka, str."Ivan vazov" 38,vh.B, ap. 33. BG-7200 Razgrad, Bulgario.

35.687 *Sigmond Julia, Str. Vlahuta 7/6, RO-400310 Cluj-Napoca, Rumanio.

35.688*Ĝinsim An, 437-808 Kyoungkido, Uiwangsi naeson 2 dong 655-13, Koreio

35.689 Alves Alcino, Est. das Areias, Bloco B, 2° D, S. Pedro do Estoril, PT-2765-467 Estoril, Portugalio

35.690 Minich Martin, Ul. Janka Alexyho 9, SK-84101 Bratislava 42, Slovakio.

# Fernando de Diego
## Tradukisto, eseisto, vortaristo

**Fernando de Diego** estas unu el la plej fekundaj tradukistoj de literaturo al Esperanto ĉefe de hispanlingvaj verkistoj el la Nova kaj Malnova Mondo, interalie de la fame konataj *Don Quijote* de Miguel de Cervantes Saavedra por la prozo kaj *Cigana Romancaro* de Federico García Lorca por la poezio. Malpli konataj de la esperantistoj estas kompreneble liaj tradukoj el la angla hispanen. Ekde la jaro 1964 li ankaŭ multe recenzis kaj verkis lingvajn eseojn : impresiga tridekpaĝa bibliografio inventaras ĉi tiun aktivecon en la festlibro* por lia 80a naskiĝtago (1999-11-2).
Fernando de Diego influiĝis de *Literatura Mondo,* de Kalocsay kaj Waringhien, sed siaflanke influis ekzemple la iberian kaj iltisan skolojn. Li formulis la Literaturan Manifeston '87. El liaj spertoj de tradukisto fontas la granda vortaro hispana-esperanta.

### Juneco en Hispanio
En la menciita festlibro troviĝas ankaŭ aŭtobiografia skizo ebliganta al ni ĵeti rigardon super tiu evento - kaj laborriĉa vivo. Fernando de Diego rakontas pri sia konatiĝo kun Esperanto en la tridekaj jaroj de la antaŭa jarcento, kiam li estis junulo dekkvarjara en Zaragoza. Dum resaniĝo post poliomjelita atako li studis Esperanton kun kreskanta entuziasmo : "Kiam mi povis denove piediri, kvankam iom lame, mi aniĝis al Kultura Klubo kaj tie mi povis legi, de komenco ĝis fino, ĉiun numeron eldonitan de *Literatura Mondo* en 1935 kaj en la unuaj monatoj de 1936. Kia embaraso de riĉo ! Kalocsay kaj Waringhien definitive kondukis min en la regnon de Esperanto, kies fidela civitano mi estis laŭlonge de mia vivo."

### Militaj plagoj
Komence de la jaro 1936 la junulo antaŭsentis la minacon de intercivitana milito en Hispanio kaj efektive ĝi eksplodis la 18an de julio samjare. La sekvoj de tiu frenezîgo ankaŭ tuŝis la familion De Diego De La Rosa : du fratojn oni vokis militservi kaj la tria inklina al komunismo estis arestita kaj torturata de falangista bando. La patro Benigno, kiu estis funkciulo de la financa ministerio, atingis de la militistaj aŭtoritatoj ŝanĝon de mortopuno al enprizonigo. Du jarojn poste Fernando mem estis vokita por soldatiĝo kaj sendita al la kataluna, poste al la Ebro-fronto, kie okazis eble la plej sanga batalo de la tuta milito**. La hispana konflikto finiĝis en aprilo 1939 per la triumfo de generalo Franko, sed en septembro de la sama jaro eksplodis la milito de Germanio kontraŭ la aliancanoj. Oni retrovas Fernandon de Diego denove en soldata vesto, sed post unu jaro li iĝas viktimo de tuberkuloza epidemio. Dank' al la interveno de la patro li ricevis forpermeson por resaniĝi en vilaĝo Cortes de Tajuña (provinco Guadalajara) pere de pura aero kaj freŝaj abundaj nutraĵoj, ĉar antibiotikoj tiam ankoraŭ ne ekzistis : "En tiu tempo de kalmo kaj silento mi disponis longajn horojn por meditado kaj venis al la konkludo, ke mi klopodus vivi kiel eble plej sendepende (verŝajne pro la reago al la arbitra kaj stulta disciplino armea) kaj aktivi profesie en la diversaj branĉoj de la beletra kampo."

### Venezuelo allogas
Li komencis sian profesian karieron per tradukoj el la angla kaj franca por du eldonejoj en Barcelono kaj unu en Madrido, sed rezidis en Zaragoza kaj tie edziĝis en la jaro 1946. Liaj fratoj Oscar kaj Antonio serĉis pli liberan vivon ekster la postmilita Hispanio kun drakona reĝimo fuĝante al Venezuelo. Ankaŭ Fernando kun sia edzino sekvis ilin en 1949. Li trovis laboron en Caracas kiel tradukisto ĉe usona informagentejo United Press kaj kiel redaktisto ĉe venezuela noticlivera oficejo Ofiprén. En 1952 li oficas dek jarojn kiel ĉefo de la informaj servoj de la kompanio Shell kaj kiel ĉefredaktoro de la monata revuo Tópicos Shell. Liaj fratoj Francisco, Benigno kaj Octavio ankaŭ alvenas Venezuelon. Ili ĉiuj tie prosperis.

### Sur Kanariaj Insuloj
En 1962 Fernando de Diego eksiĝis el siaj funkcioj de la petrolkompanio Shell : "... mi havis liberan vojon por veturi ien ajn kaj dediĉi mian tempon al ajna okupo." Li vojaĝis al Tenerife sur la Kanariaj Insuloj por renkonti Juan Régulo Pérez kaj montri al li sian provtradukon de la romano *La arbo de la sciado* de Pío Baroja super kiu li laboris dum du jaroj. Régulo Pérez kritike analizis ĝin kaj Fernando de Diego ĝin reprilaboris de komenco ĝis fino laŭ liaj konsiloj. En 1973 ĝi aperis eldonita de Stafeto. Dum sia restado en Tenerife li "komencis kunlabori en kelkaj esperantaj revuoj, funkciis kiel delegito de UEA en Santa Cruz de Tenerife, tradukis *Doña Bárbara,* konatiĝis persone kun Waringhien".

### Sindediĉo al Esperanto
En 1965 li definitive translokiĝas al Zaragoza, kie li okupiĝis pri la maljuniĝintaj gepatroj kaj plene dediĉis sin al Esperanto : "De proksimume 1970 ĝis 1986 mi dediĉis preskaŭ mian tutan tempon kaj energion al Esperanto : tradukis el la hispana, angla, franca; kunlaboris per artikoloj, beletraĵoj kaj recenzoj en *Monda Kulturo, Horizonto, Esperanto, Fonto, La Gazeto, Dialogo, Venezuela Stelo... ;* prelegis en pluraj urboj hispanaj, en Venezuelo, Hungario, Pollando." Oni invitis lin en 1975 por prelego ĉe la Somera Universitato en Gyula (Hungario). Dum la reveturo li konatiĝis kun polino en Wrocław kaj ŝi fariĝis lia dua edzino post longaj burokrataĵoj.

### Vortaristo en Caracas
Ili elektis sian domicilon en la venezuela ĉefurbo Caracas : "Mi, jam 67-jara, tamen sentis min plena de energio kaj korpe kaj intelekte kaj denove komencis labori en venezuelaj eldon-entreprenoj kiel tradukisto kaj ĵurnalisto. Sed ĉion

mi flanklasis, kiam ia speco de nerezistebla forto impulsis min dediĉi mian tutan tempon al la kompilo de vasta hispana-esperanta vortarego kun speciala prilaboro de la frazeologio. Dum pli ol kvar jaroj mi laboris tagon post tago, ok horojn ĉiutage. [...] En tiu periodo de 1986 al 1996 aperis, interalie, miaj tradukoj *Tirano Banderas, Astura Bukedo* (tri kontribuaĵoj), *Sentempa Simfonio, Cent jaroj da soleco* kaj *La malica komizo*."

## Paco kaj trankvilo post sortobatoj

En la sama periodo li suferis tre dolorajn batojn : "La sinsekva morto de miaj fratoj Antonio (1988), Benigno (1990) kaj Francisko (1993) igis min pensi, ke mi devas serioze konsideri kiel alfronti la futuron. [...] Denove la cirkonstancoj kaj mia denaska nomadismo kombiniĝis por trovi solvon al la nova situacio. Ĉi-foje la cirkonstancoj estis [lia edzino] Czesa. Kaj krome mia alta aĝo. [...] Ni ŝanĝis la frenezan, bruan vivon de tropika urbo por bukolikaj paco kaj trankvilo. Ni loĝas en domo preskaŭ apuda al la domo de la familio de Czesa."

### Vivobilanco

Okaze de sia okdekjariĝo li bilancas sian vivon kaj konstatas ke li atingis sian ekonomian sendependecon surbaze de laboro plej adekvata al siaj scioj kaj intelektaj preferoj. Rilate sian agadon sur la internacilingva kampo li notas : "Dume, Esperanto plu akompanas min kiel fidela kamarado. Sed nur la lingvo, ne ties retoriko homaranisma, intern-idea, diaspora, unu-granda-familia, civita... Ne ties flago, himno kaj insigno... [...] Dank' al Esperanto mi konatiĝis kun inteligentaj, noblaj, simpatiaj homoj... maldank' al nia kara lingvo mi kontaktis, pli malpli hazarde, kun friponoj, kokin-cerbaj solenuloj, psikopatoj..." Je la fino de sia vivobilanco li trankvilanime konkludas : "Kaj nun ? Atendi la alvenon de la aĝa frato de la Songô. Kun respekto, sed sen timo."

## Klaro kaj elasto

Kvalitoj de bonstila traduko beletra estas klaro kaj elasto. Necesas ne nur redoni laŭsence la originalon, sed ankaŭ trovi adekvatan stilon. Kelkfoje tio postulas kreon aŭ aplikon de novaj vortoj nekutimaj en la ordinara lingvo. Fernando de Diego en eseoj kaj recenzoj defendis sian vidpunkton tiurilatan. En la menciita libro *Klaro kaj elasto* troviĝas interesaj kontribuoj pri tradukarto, inter aliaj tiu de fekunda tradukisto el la ĉina Li Shijun "Esperanto kiel lingvo por traduko de beletraj verkoj", kiu venas al la konkludo : "Kompromiso inter skemismo kaj naturismo estas dezirinda por solvi la problemojn en uzado de Esperanto kiel lingvo por traduki beletraĵojn."

## Ĉefaj verkoj de Fernando de Diego

La tradukoj : *La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha* de Miguel Cervantes Saavedra ; *La arbo de la sciado* de Pío Baroja ; *Doña Bárbara* de Rómulo Gallegos ; *Cigana romancaro* de Federico García Lorca ; *Sentempa simfonio* (traduko de poem-antologio hispana) ; *Tirano Banderas* de Ramón María del Valle-Inclán ; *La familio de Pascual Duarte* de Camilo José Cela ; *Kun sopira koro* (traduko de la rimoj de Gustavo Adolfo Bécquer); *Cent jaroj da soleco* de Gabriel García Márquez ; *La malica komizo* de Wenceslao Fernández-Florez ; *Pri esperanta tradukarto* (eseo) ; *Pri literatura kritiko* (eseo). Lia lasta publikigita verko estas *Gran Diccionario español-esperanto* (2003).

* *Klaro kaj elasto,* editoris Irmi kaj Reinhard Haupenthal, Edition Iltis, Schliengen 2003, 422 p.

** Vidu : Fernando de Diego : *Paco en milito,* novelo, trad. el la hispana, Edition Iltis, Schliengen 2001, 40 p.

*R. Schneller*

VARBU NOVAJN MEMBROJN AL SAT !

Amnestio internacia

Amnestio hieraŭ, la kvinan de marto, komencis la novan kampanjon "Rigardi tien kaj agi"

## Amnestio: protekti inojn

Ke la perforto kontraŭ inoj mondvaste kreskis, diras Amnestio Internacia. Ankaŭ la registaro en FRG entreprenas laŭ ĝi tro malmulte kontraŭ la problemon.

Berlin (ND-Mentschel) "oni vendis ŝin kaj devigis je prostitucio" - sur kvindek afiŝoj, kiuj aspektas kiel siluetoj de inoj, informis Amnestio Internacia (ai) hieraŭ en Berlino pri formoj de perfortoj al inoj. La agado sur la placo Potsdamer Platz estis la komenco de la mondvasta kampanjo "Rigardi tien kaj agi".

Ke la perforto kontraŭ inoj mondvaste kreskis, informis Barbara Lochbihler, ĝenerala sekretario de la germana AI-sekcio. Spite al pligrandiĝanta atento kontraŭ tiuj deliktoj ĉiu tria ino unufoje en sia vivo estas batata, seksperfortata aŭ sekse misuzita. Ĉirkaŭ la terglobo perforto kontraŭ inoj estas vaste konata realeco - trans limojn de bonfarto, haŭtkoloro kaj kulturo.

Plej ofte inoj en siaj loĝejoj spertas perforton, klarigis Lochbihler. Sole en Germanio fuĝas ĉiujare 45000 inoj en inodomojn. Lochbihler postulis la registaron kaj la landojn subteni la 389 protektejojn kaj evoluigi ilin.

La tikla situacio de inoj en konfliktregionoj estas plia grava tasko por la kampanjo. Seksa amasa perforto oni uzis en militregionoj kiel en la Demokrata Respubliko Kongo kiel armilon, diris Lochbihler. Sed ankaŭ en oficialaj pactempoj inoj estas misuzataj de okupadaj trupoj aŭ milicoj.

La AI-ĝenerala sekretariino postulas la registaron, ke ĝi agnosku seksspecifajn persekutojn kiel fuĝkaŭzon. De la ministro por defendado, Peter Struck, ŝi postulis, ke li instruu germanajn soldatojn pri la precipa situacio de inoj en krizaj regionoj. La bazo estu rezolucio intertraktita de la UN- inokomisiono, kiu antaŭvidas pli bonan protekton de inoj en militaj tempoj.

Rilate la laboron de in-rajtulinoj en la eksterlando admonis Lochbihler la oficejon por eksterlandaj aferoj ebligi la senmalhelpatan eniron de minacataj personoj en Germanion. "Inoj, kiuj en la plej komplikaj kondiĉoj engaĝas sin por la rajtoj de aliaj, bezonas nian precipan atenton."

*tradukis Cezar kaj Donjo el la gazeto "Nova Germanio" 6/7 de marto 04*




# 77-A SAT-KONGRESO BRATISLAVA (SK) 2004-08-14/21

**Organiza garantianto** : KAVA-PECH, kongresa kaj kleriga agentejo de Petro Chrdle, kunorganizanto: ESO, Esperanto-Societo Bratislava.
**Koresponda adreso:** KAVA PECH, Anglicka 878, CZ-25229 Dobrichovice. Tel: +420 257 712 201; fakso: +420 257 712 126; rete: info@kava-pech.cz; http://www.kava-pech.cz.
**OKK:** Petro Chrdle, Zdenek Pluhar, Jana Melicharkova, Jarmila Rechtorysova, Marteno Minich.
La 77-a SAT-kongreso okazos unuan fojon en Slovakio, precize en ĝia ĉefurbo Bratislava, kiu logas kaj pro sia beleco urba, kaj pro la konekto kun bela naturo: rivero Dunaj (Danubo), montetaro Malé Karpaty (Malgrandaj Karpatoj).

| Kongreskotizoj (en Eŭroj) | | | ĝis 30.06.04 | pli poste |
|---|---|---|---|---|
| SAT-membro | | | 75 | 85 |
| SAT-geedzoj (se ambaŭ) | | | 110 | 125 |
| SAT-junul(in)o ĝis 25 j. | | | 35 | 40 |
| Nemembro de SAT | | | 90 | 100 |
| Junula nemembro de SAT | | | 45 | 50 |

Infanoj ĝis 10-jaraj ne pagas kotizon.
La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SI, SK ĝuas 30% rabaton. La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa YU (krom SI, eksa SU kaj ekster Eŭropo (krom Aŭstralio, Israelo, Japanio, Kanado, Korea Respubliko, Sud-Afriko kaj Usono) ĝuas 50 % rabaton.

**ATENTU : Personoj el landoj, kiuj bezonas enirvizon por Slovakio devas indiki tion antaŭ la 30-a de aprilo 2004. Pli poste ne plu eblos trakti tion. La partoprenantoj de la postkongreso konsideru, ke la postkongreso okazos en alia ŝtato (Ĉeĥio) ol la kongreso. Tial oni devas prizorgi apartan enirvizon, se ĝi estas postulata.**

## Kelkaj aktualaj informoj por la ĉi-jaraj kongresanoj

1. Ĉar okazis kelkaj miskomprenoj, ni petas konsideri, ke kvankam la 77-a kongreso de SAT okazos en Slovakio (*Bratislava*), **necesas sendi la aliĝilojn kaj la mendojn al Ĉeĥio (*Dobřichovice*).** Tial ĝusta adreso por direkti viajn aliĝilojn kaj mendojn estas: KAVA-PECH,
   Anglická 878,
   CZ 252 29 Dobřichovice
   ĈEĤIO
2. Al la mendo de la **tutsemajna vojaĝbileto** (ofertita en la aliĝilo): Bedaŭrinde ni ankoraŭ ne povas indiki precizan prezon, ĉar oni planas la altigon de la prezoj komence de la ĉi-jara somero. [Por via informo: nuntempe estas la prezo de la 7-taga turisma vojaĝbileto 275,- SKK]. Ĉiuj, **kiuj nerevokeble mendos la bileton, ricevos ĝin perpoŝte** antaŭ la forveturo al la kongreso, do povos ĝin uzi tuj por la unua veturo al la kongresejo.
3. **Aviadila konekso** kun Bratislavo: Ni atentigas tiujn, kiuj ne povas trovi facilan aviadilan vojon al Bratislavo, ke **eblas uzi la aerodromon en Vieno!** Inter la Viena flughaveno kaj Bratislava veturas aŭtobusoj (de la kompanio *Eurolines*) ĉiun horon (ekde la 08:25 ĝis la 21:25). La vojaĝo daŭras 65 min kaj kostas 9,00 EUR (la bileto aĉeteblas ĉe la ŝoforo). La fina stacio de la aŭtobuso en Bratislavo estas la aŭtobusa stacio *Nivy.*
4. **Ni rekomendas** al tiuj, kiuj povas uzi **Interreton** legi la paĝojn:
   HYPERLINK "http://www.esperanto.sk" www.esperanto.sk aŭ HYPERLINK "http: //www.esperanto.cz" www.esperanto.cz
   tie vi povos trovi aktualajn informojn pri la kongreso.
5. Kio temas **pri la loĝado**, ni rekomendas mendi la loĝadon kiel eble plej frue! Dum la kongreso estos la hotelo plene okupita kaj ni ne povas tro longe teni la rezervon sen garantio, ke ni fakte uzos ĉiujn antaŭmenditajn ĉambrojn. Ni **ne povas garantii plenumon de malfruaj mendoj!** Ni ankoraŭfoje atentigas tiujn, kiuj mendis dulitajn (event. trilitajn) ĉambrojn kaj samtempe ne anoncis la kunloĝanto(j)n, ke ni ne povas garantii (precipe ĉe malfruaj aliĝintoj) sufiĉan nombron de kunloĝantoj. Kaze, ke iu restos sola en la plurlita ĉambro, devos surloke alpagi la diferencon al la prezo por la unulita ĉambro!
6. Ĉiu **aliĝinto ricevos proksimume unu monaton antaŭ la kongreso precizajn informojn** kiel atingi la kongresejon (kaj hotelojn) peraŭte aŭ per la urbaj trafikiloj de la aŭtobusa kaj fervoja internaciaj stacioj, kun pliaj utilaj sciigoj.
7. Novaj aliĝintoj:**102. BLOW, Robert; GB**
   **103. BON, Liliane; FR**
   **104. ROUYRE, Monique; FR**
   **105. KEABLE, Stanley; GB**
   **106. NIKOLAIDIS, Malina; YU**
   **107. KÖHLER, Rolf; DE**
   **108. MORIN, Jacques Yves; FR**
   **109. ŠPEKULJAK, Mato; HR**
   **Sume 109 aliĝintoj el 18 ŝtatoj (kaj 4 kontinentoj).**

## Ni legis por vi...

# PRAVAS LI JA

**Kaj kiu pravas. Memorspertoj. Eugene de Zilah. Pro Esperanto, Vieno, 2002. 360 paĝoj.**

En la malantaŭa parto de la kovrilo, la aŭtoro jam klare informas la leganton




pri la speciala karaktero de tiu ĉi libro. Li diras: «Mia libro subtitoliĝas: Memorspertoj por atentigi la leganton ke ne temas pri "memoroj", "memoraĵoj", "konfesoj" aŭ pri ia fikciaĵo beletra: romano aŭ novelo. "Memorsperto" estas alia genro, en kiu oni fenomenologie studadas la genezon kaj disvolviĝon de la intelekta perspektivo homa. ... Mia celo ne estis rakonti mian entute banalan vivon. Preskaŭ ĉiuj amoris, tro multaj batalis, multaj senhejmiĝis. Mi ne estas elstara escepto, nek heroo de nekredeblaj aventuroj. Mi nur ekzamenis miajn plej fundamentajn ideojn, miajn konvinkojn, kaj ili resendis min al aliaj ideoj, aliaj konvinkiĝoj. Ĉi lastaj, al memoraĵoj pri spertoj kiuj aktivigis mian inteligenton. Okazis ke tiuj ĉi "aktivigaj" spertoj plejparte estis seksaj: mi estis la unua surprizito.» Tiu ĉi noto impresas kvazaŭ Eugene de Zilah provus sin antaŭdefendi kontraŭ probablaj atakoj de filistraj recenzistoj. Se estas tiel, li pravas, ĉar, malgraŭ lia informo, temas pri tre surpriza libro, kiu eskapas genrojn. Kompreneble la aŭtoro pravas: ĝi ne estas memorlibro aŭ konfesoj, tamen ĝi ja ankaŭ tio estas, ĉar la kategorio de multaj el ĝiaj paĝoj fuĝas el la konfesita (sincera aŭ ne, oni neniam povas absolute kredi aŭtorojn, ĉar literaturisto estas ĉiam mastro de simulado) intenco de la aŭtoro. Ĝi ankaŭ sendube ne estas romano aŭ novelo, sed aliflanke, ĝi ja ankaŭ tio estas ĉar fakte ĝi entenas kelkajn el la plej sukcesaj romanaj paĝoj kiujn mi ĝis nun legis. Sed super ĉio alia, Eugene de Zilah estas kultura animalo kiu seninterrompe volas kompreni kaj la mondon kaj la homon. Ĝi faras la impreson, ke verki "nur" romanon entute ne kontentigus lin. Sed verki nur eseon same ne plenumus lian esprimivon. Bedaŭrinde, ĉar se li uzus sian talenton apartigite, anstataŭ nur unu libron, ni povus havi nun tri: bonegan romanon, bonegan esearon kaj bonegan memorlibron. Kaj en la tri genroj estas forta deficito en Esperantio.

Tamen, mi demandas nun, kiu mi estas por eniri tiel frivole en la eblaj deziroj de aŭtoro? Recenzisto ne povas (kaj ne devas) entrudiĝi en recenzatan verkon, eĉ malpli se ĝia aŭtoro estas persono alte kulturita kaj plene konscia pri si mem kaj pri siaj kreivaj ebloj. Tamen, oni estas antaŭ libro kies legado estas malfacila, ĉar de Zilah ne hezitas eniri en la plej kompleksajn kulturajn problemojn de la mondo, kaj lia libro samtempe posedas tre distrajn (kaj seksajn, por uzi lian esprimon), romanajn paĝojn verkitaj per tre efika tekniko. Entute, la strebo kiun postulas la legado de la libro estas vere kompensa. En ĝi oni ne scias kion pli valorigi: ĉu la romaniston, ĉu la memoraĵiston, ĉu la eseiston kiun de multaj jaroj oni tre fruktodone legas en la paĝoj de "La Gazeto". Vere tre grava kaj pensiga verko, kiel tre malofte aperas en ia ajn literaturo kaj, kompreneble, eĉ malpli en la esperanta. Pravas li ja.

## Ŝimantaj sur la bretoj

# KRISTANISMO KAJ PATRIOTISMO

**L. N. Tolstoj (tradukis I. Maĉernis), 111p, eld. SAT, 1931, prezo : 1•25 + afranko**

Malgraŭ la nomo de la aŭtoro kaj la fakto, ke tiu libro aperis en la literatura serio de la tiama «Biblioteko de Sennaciulo», tiu teksto pli similas eseon ol novelon. Tolstoj verkis ĝin en 1894, reage al franco-rusaj festoj, kiuj okazis la antaŭan jaron. Li klare priskribas kiel la registaroj de ambaŭ landoj artefarite provokis subitajn elmontrojn de aparta amo inter ambaŭ popoloj, kun la kaŝita celo unuigi ilin kontraŭ la komuna germana malamiko. Vere impresa estas la klarvideco de la aŭtoro, kiu antaŭvidas la Unuan mondbuĉadon, kiu komenciĝos dudek jarojn pli poste. Liaj klarigoj pri la artefariteco de patriotismaj sentoj kaj ilia utiligo por subigo de popoloj al la kapitalisma sociordo certe ne instruos multon al niaj kamaradoj, kiuj supozeble jam estas konvinkitaj pri tio, kvankam tiuj problemoj plu estas aktualaj.

Plej interesaj estas la du lastaj ĉapitroj de tiu eseo, en kiuj Tolstoj asertas, ke por forigi la malnovan sociordon estas necesaj neniaj heroaĵoj aŭ eksterordinaraj novaj ideoj : nur sufiĉas, ke ĉiu homo ĉesu mensogi kaj konduti malsaĝe nur ĉar li timas agi malkonforme al la kutimo. Verŝajne tiu solvo aperos iom naiva aŭ utopia al kelkaj el niaj realismemaj kamaradoj. Tion ankaŭ opiniis la anonima verkinto de la «Antaŭparolo de l'eldonantoj», kiu citas la vortojn de Lenin :

*"Cetere Tolstoj komprenis absolute nenion rilate al agadmetodoj efikaj kaj necesaj por apliki en la batalo, diktita de la malpardonema logiko de l'historio".*

Nun denove la reakciaj fortoj plej draste subpremas la laboristaron




en la tuta mondo, kaj la « efikaj » klasbatalaj rimedoj proponitaj de Lenin certe allogos pli kaj pli da homoj. Respondi al kapitalisma perforto per revolucia perforto. Agi anstataŭ senfine debati kaj verkadi senutilajn librojn. Jen laŭ mi danĝeraj ideoj, kiuj pli kaj pli ofte cirkulas en progresemaj rondoj. Mi ne rediros la argumentojn de Tolstoj, sed instigas ĉiujn realismemulojn legi kaj pripensi ilin.

Eble kelkajn el la legantoj tiklos la titolo, kaj la oftaj referencoj de la aŭtoro al kristanismo. Tamen espereble eĉ SAT-anoj konscias pri la fakto, ke la celoj de sincera religiemulo estas la samaj kiel tiuj de sincera socialisto. Ambaŭ kredas necesaj la pacan unuigon de la homaro kaj la starigon de harmonia sociordo.

Ankaŭ interesa estas la postparolo de la tradukinto, kiu atentigas pri la timo de naciistoj pri unutoneco de mondo, en kiu restos nur unu popolo (kaj unu lingvo). Sen malamikoj kontraŭ kiuj batali, al kio utilas la vivo ? Tiam la homoj disponos pri pli da libera tempo por dediĉi al kreaj aktivecoj. Kaj ofte en tiaj kazoj oni konscias pri la malriĉeco de sia inspiro, kaj preferas inventi novajn disputkaŭzojn, por forgesi ke oni ne kapablas elpensi ion novan. Ŝajnas, ke la profunda kaŭzo de ĉiuj konfliktoj estas la homa neinventemo. Tial la plej revolucia ago estas kreado.

*Vinko Markov*